S. **Dény** (M.), inĝ. industriisto, 20, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris XVII.
**Duchochois** (M.), industriisto, 3, rue de Trie, Boulogne-s-Mer (P.-de-C.).
**Eyrolles** (L.), inĝeniero, 12, rue Du Sommerard, Paris V.
**Flageul**, prof. de stenografio, 9, boul. Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Seine).
**Fréminville** (Ch. de), 18, rue Pierre-Curie, Paris V.
**Gaumont**, industriisto (foto-kinemo), 57, rue Saint-Roch, Paris.
**Gramont** (de), industriisto fizikisto, 42 *bis*, av. Henri-Martin, Paris XVI.
**Gratzmuller** (L.), inĝeniero elektristo, 25, rue de Rémusat, Paris.
**Gravier** (C.), scienca akademiano, 21, rue Hallé, Paris XIV.
**Grisel** (G.), 4, rue Petit, Saint-Denis, Seine.
**Grosjean-Maupin**, direktoro de ŝtata instituto, 56, boulevard des Invalides, Paris VII.
**Groupe Espérantiste Angevin**, pl. des Halles, Angers (Maine-et-Loire).
**Guadet**, prof. de matematikoj, 121, route Nationale, Viroflay (S.-et-O.).
**Guillaume** (C.), direktoro de Oficejo de Pezoj kaj Mez., Pavillon de Breteuil, Sèvres (S.-et-O.).
**Jouaust** (R.), inĝ. elektristo, 18, boulevard Saint-Michel, Paris.
**Jouis** (E.), agronomisto, 19, rue de Lestanville, à Bihorel (S.-Inf.).
**Kostecki** (J.), juristo, 2, rue Perronet, Paris VII.
**Laignier** (M.), advokato, 30, rue Dupont-des-Loges, Nancy (Meurthe-et-Moselle).
**Lapiné** (E.), 69, avenue Charles-Floquet, Parc Saint-Maur (Seine).
**Laqueille** (M.), konstru-inĝeniero, 12, rue Desaix, Paris XV.
**Lauras** (J.), inĝ.-elektristo, 29, rue Madame, Paris VI.
**Leblanc** (M.), inĝ.-elektristo, 47, boulevard de Versailles, Suresnes (S.-et-O.).
**Leroudier** (H.), industriisto, chemin du Luizet, Lyon (Rhône).
**Lhermitte**, prof. de matematikoj, 32, rue de Lubeck, Paris.
**Lumière** (L.), fizikisto, scienca akademiano, 262, cours Gambetta, Lyon (Rhône).
**Magnus-Focké** (S-ino), Esperanto-Oficejo, 15, rue Saint-Eloi, Orléans (Loiret).
**Marly** (P.), negocisto, 11, rue Ad.-Bayssellance, Bordeaux (Gironde).
**Mendel**, doktoro kuracisto, 4, rue Marcel-Renault, Paris XVII.
**Mesny** (R.), prof. de navigacio, 21, rue Jacob, Paris VI.
**Moissenet**, eks-ŝtata inĝeniero de vojoj, villa Odette, Dax (Landes).
**Pfanner** (J.), inĝeniero, 257, rue de Solferino, Lille (Nord).
S. **Polgar** (V.), presisto, 33, rue Lacépède, Paris V.
**Poncet** (L.), doktoro kuracisto, Coligny (Ain).
**Reddon** (H.), doktoro kuracisto, villa Penthièvre, Sceaux (Seine).
S. **Rollet de l'Isle**, eks-generala hidrografiisto inĝeniero, 35, rue Du Sommerard, Paris V.
S. **Rousseau** (C.), apotekisto, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise).
**Sebert** (H.), generalo, scienca akademiano, 14, rue Brémontier, Paris XVII.
**Sentis** (H.), profesoro, 11, boul. Agutte-Sembat, Grenoble (Isère).
**Systermans**, fervojista inspektoro, 21 *bis*, rue Duhesme, Paris XVIII.
**Tiard** (C.), ŝtata inĝ. de vojoj, 209, faubourg Saint-Denis, Paris X.
**Tiard** (S-ino M.), Villa Esperanto, 11, r. de la Procession, Paris XV.
**Vanverts** (D-ro J.), kuracisto, 236, rue de Solférino, Lille (Nord).

## Germanujo

**Aron** (E.), advokato, Passargestr. 11, Königsberg.
S. **Arnhold**, bankisto, Waisenhaŭsstr. 20, Dresden.
**Behrendt**, poŝt-konsilisto, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.
**Bluth** (Fr.), doktoro kuracisto, Bad Neuenahr (Rheinland).
**Carnap** (R.), doktoro, Buchenbad (Baden).
**Dietterle** (Prof.), doktoro profesoro, 10, Seumestrasse, Leipzig.

S. **Döhler** (W.), Rosenplatz, 16, Riesa a/Elbe.
**Döring** (Fr.), komercisto, Zasiusstr. 6, Freiburg i. Br.
S. **Dühring** (Fr.), fiziko-matematikisto, 1, Zentralstrasse, Leipzig.
**Emden** (Fr. Van), doktoro biologiisto, Thomaslusstrasse, 8/II, Halle.
**Francke** (Fr.), advokato, 145-I, Lindwurmstr., München.
S. **Frenckell** (K. von), inĝeniero, Waisenhausstr., 20, Dresden.
**Freŭdenberg** (A), doktoro kuracisto, Nassauischestr., 51, Berlin W.
**Gehrmann** (J.), Rieklinghausen III, Westfahlen.
**Glück** (D-ro J.), Bayreutherstrasse, 3, Berlin W. 62.
**Haefeker** (K.), biologiisto, 43, Frankfurterstrasse, Siegburg (Rheinl.).
**Hanauer** (J.), doktoro bibliotekisto, Kaiserin-Augusta Allee 37, Charlottenburg-Berlin.
**Kayser** (G.), profesoro, Bismarckstrasse, 50 *a*, Riesa a/Elbe.
**Langner** (D-ro), Studiendirektor, Sprottau, Schlesien.
**Meyer** (G. J.), Spitalgasse, A. 211, Augsburg.
**Michling** (W.), studkonsilisto, Ahrensburgerstr. 75, Wandsbek.
**Plehrz** (H. J.), teknika studento, Bahnhofstr. 21, Breslau 2.
**Reichel** (W.), studkonsilisto, 32, Kasernenstrasse, Kamenz (Saks).
S. **Schönrich** (K.), instruisto, Walkmühlstrasse, 25, Wiesbaden.
**Schulze** (O.), profesoro, direktoro de la Lernejo por Metio kaj Artmetio, Elberfeld.
**Schwangart** (S-ino E.), 23-I Terrassenfer, Dresden.
**Steche** (A.), industriisto kemiisto, Moschelesstrasse 7, Leipzig.
**Stiller** (F-ino J.), sekretariino, 57, Rigaerstrasse, Berlin.
**Tarnow** (P.), inĝeniero, Galkhaŭsen, bei Langenfeld (Rheinl.).
**Walde** (G.), komercisto, 3, Markt, Waldheim (Saks.).
S. **Wolff** (Fr.), 112, Bismarckstrasse, Charlottenburg.
**Wüster** (E.), scienca inĝeniero, elektristo kaj terminologo, 14, Schillerstrasse, Charlottenburg (Berlin).

### Hindujo

**Halliday** (S-ino K.), Chartered Banks India, Australia & China, Bombay.

### Ĥinujo

S. **Kenn** (Won), 15, Hong Kong Chik street, Canton.

### Hispanujo

**Azorin** (Fr.), arkitekto, Claudio-Marcelo, 18, Cordoba.
**de Castro**, inĝeniero de Pontoj kaj Vojoj, Gijon.
S. **Herrera** (E.) milita aeronaŭtika inĝeniero, II, Espalter, Madrid,
S. **Inglada** (V.), kolonelo, prof. de geodezio, 50-2ª, Guzman el Bueno, Madrid.
**Mangada-Rosenorn**, oficiro, 5, Glorieta de Bilbao, Madrid.
**Mangada Sanz** (L.), telegrafoficisto, 5, Glorieta de Bilbao, Madrid.
**Maraury** (R.), advokato, dogana administracio, Gran Via, 34-2ª, Bilbao.
**Paluzie** (J.), ĥemio-studento, 337, Diputacion, Barcelona.
**Piño** (A.), 24, Str. Colon, Valencia.
**Ribaz de Pina** (M.), oficiro de artilerio, Palma de Mallorca.
**Santamarina** (A.), advokato, director de la Prision Central, Valencia.
**Santamarina** (L.), policinspektoro, Rabasa, 45-4°-3ª, Barcelona.
S. **Torrès y Quevedo**, inĝeniero matematikisto, Valgame Dios, 3, Madrid.

### Hungarujo

**Balkányi** (P.), bankoficisto, Hajós utca 15-II, Budapest VI.
**Beck** (S.), doktoro kuracisto, prof. de dermatologio, Universitato de Pécs.

**Fenyvessy** (B. de), doktoro kuracisto, prof. de higieno, Universitato de Pécs.
**Gorka** (S.), doktoro kuracisto, prof. de biologio, Universitato de Pécs.
**Halmagyi**, doktoro kuracisto, Paragvári ut. 18, Szombathely.
**Imre** (J.), doktoro kuracisto, prof. de okulatrio, Universitato de Pécs.
**Kökény** (L.), parlamenta stenografisto, en Budapest X.
**Mansfeld** (G.), prof. de farmakologio, Universitato de Pécs.
**Némethy** (J.), stud. fil., Ménési ut 11-13, Budapest I.
**Pekár** (M.), doktoro kuracisto, prof. de fiziologio, Universitato de Pécs.
**Rácz de Kövesd** (B.), doktoro, apelacia juĝisto, 4, Verseny, Budapest.
**Rhorer** (L. de), doktoro, prof. de fiziko, Universitato de Pécs.
**Takács** (J.), doktoro kuracisto, Váczi u. 8, Budapest IV.
**Tóth** (Vince), juristo, Eötvös u. 37-I. 9, Budapest VI.
S. **Vörös** (C.), doktoro, 27-33, Váczi utca, Budapest IV.

### Islando

**Hordarson** (H.), verkisto, Styrimannastig, 9, Reykjavik.
**Thorsteinsson**, statistika oficejo, Reykjavik.

### Italujo

**Arabeno** (M.), via Crimea 8, 24, Genova.
**Cesarini** (F.), int. finanza, Potenza.
**Daglio** (C.), fervojisto, 10, Piazzetta Martini, Cagliari.
**Federazione Esperantista Italiana**, 3, via Indipendenza, Livorno.
**de Grada** (G.), teknikisto, via A. M. Maragliano, Genova.
S. **Gagnotto** (L.), inĝeniero ŝipkonstruisto, R. arsenale di La Spezzia.
**Kindt** (G.), astronomiisto, via S. Marco, 101, Pistoia.
S. **Montezemolo** (marchese generale C. C. di), Castiglioncello, Pisa.
**Oppizzi**, doktoro, Locate Triulzi, Milano.
**Orengo** (R.), inĝeniero, 3, via Manzoni, La Spezzia.
**Peri** (A.), inĝeniero, Casella postale, 121, La Spezzia.
**Sekretario de Realo Politecnico**, Milano.
**Riem** (R.), inĝeniero, 42, via Sicilia, Roma.
**Schumuckher** (A.), instruisto, Corso Torino 33, 14, Genova.
**Societa di Chimica Industriale**, via San Paolo, 10, Milano, 3.
S. **Stromboli** (A.), inĝ. metalurgiisto, 17, Lungarno Regio, Pisa.

### Japanujo

**Asada**, profesoro, medicina Fakultato, Nagasaki.
**Ĉuuiĉiroo Nakano**, kuracisto, ĉe Japana Esperanto-Instituto, Tokio.
**Haruo Haŝimoto**, ĉe Japana Esperanto-Instituto, Tokio.
**Japana Esperanto-Instituto**, Uŝigome, Sin-Ogaua maĉi, III-14, Tokio.
**Joŝicugu Okamoto**, farmaciisto, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.
**Kodera** (Prof. R.), profesoro ĉe Takaoka Komerca Kolegio, 32, rue Croix Duval, Meudon (Seine-et-Oise), Francujo, ĝis Majo 1928; poste: 760, Uyenohara, Nakamo-maĉi, Tokio.
**Masanobu Hatano**, farmaciisto, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.
**Oishi** (D-ro W.), doktoro, Aerologia Observatorio, Tateno apud Tutiura (Ibaraki-Ken).
**Ossaka** (Kenĵi), mekanika inĝeniero, ĉe Japana Esperanto-Instituto, Tokio.
**Riej Hasegaŭa** (Prof.), juristo, Imperia Universitato, Seoul, Corée.
**Rjunzaburoo Mikumo**, farmaciisto, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.
**Soohaĉi Nakagaŭa**, agronomo, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.
**Tateisi Takasi**, instruisto, Yamanasi Zyosi Sihan Gakké.
**Tecuo Eknma**, ĉe Japana Esperanto-Instituto, Tokio.
**Teikiĉi Namba**, arkitekturisto, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.
**Tutomu Maeda**, ĥemiisto, ĉe Japana Esp.-Instituto, Tokio.

### Jugoslavujo

**Crlenjak** (M.), doktoro kuracisto, Palmotiĉeva 20/1, Zagreb.
**Domac** (J.), doktoro kuracisto, Ilica 40, Zagreb.
S. **Kalogjera** (M.), ĉefepiskopo de la Kroata Antikvakatolika Eklezio, Ilica, 10, Zagreb.
**Kellek** (K.), kapitano, 13, Dalmatinska, Zagreb.
**Markoviĉ** (D.), profesoro, Slav-Pozega.
S. **Maruzzi** (D.), docento de Esperanto, Universitato de Zagreb.
**Mundweil** (F.), veterinara inspektoro, Priŝtinska 87, Beograd.
**Rosenstock** (St.), prokuristo, Boŝkoviĉeva, 36, Mezzanin, Zagreb.
**Rotkviĉ** (J.), absolvinto de juro, 12, Pivarska, Zagreb.
**Schiesl** (V.), advokato, Donji Miholjac.
S. **Staniŝiĉ** (P.), advokato, Zemun.
**Ŝtern** (J.), doktoro, direktoro de la Radio-Sendstacio, Zagreb.
**Sudslava Esperanto Servo**, Zagreb.
**Susterŝiĉ** (A.), kontradmiralo, Karadjordjeva, 91, Beograd.

### Kanado

**Brault**, doktoro kuracisto, Hôpital et Maternité privés, Parent.

### Kuba

**Ruiz** (D-ro A.), Apartado 13-42, Habana.

### Litovio

S. **Benŝaĥar** (J.), universitata profesoro, Ugniagesi g. v. 5, Kaŭnas.
S. **Maĉernis** (J.), Mokyt Seminarija, Telsiai.
S. **Yankowski** (Pl.) profesoro de Universitato, str. Miskevic, Kaŭnas.

### Maroko

**Richard** (C. V.), ĥemiisto, rue Jules Raulin, Tanger.

### Monako

**Richard** (J.), oceanografiisto, Musée océanographique, Monaco.

### Nederlando

D. S. **Koninklijk Instituut van Ingenieurs**, Den Haag.
S. **Baart de la Faille** (C.), doktoro, profesoro, 8, Roellstraat, Arnhem.
**Evenbly** (S.-J.), Badhuisstraat, 103, Scheveningen.
**Groen** (K.), Schandelersgats, 37, Heerlen (Limburg).
S. **Holleman** (A. F.), prof. de ĥemio ĉe Amsterdam'a Universitato, Bloemendal.
S. **Isbrücker** (J. R. J.), telefon.-inĝeniero, Oostduinlaan, 32, Den Haag.
**Koopmans** (A. H.), inĝeniero, Achter de Hoven, 75F., Leeuwarden.
D. S. **Mouthaan** (J. F.), inĝeniero, 59, Nieuwe Plantage, Delft.
D. S. **Offerhaus** (S-ino C.), apotekistino, Groot Hertoginnelaan, 154, Den Haag.
**Onnen** (M. F.), inĝeniero, Groothertogimelaan 97, La Haye.
**Van Hengel** (J.), eldonisto, Blaricum.

### Norvegujo

**Bonnevie** (H.), Bergliens gate, 11, Oslo.
**Heegaard** (P.), Universitata prof., Lilleaker, p. b. 105, Oslo.
**Paulsen** (R. B.), ĉefleŭtenanto, Ovre Smestad v. Aker, Oslo.
**Schjerve** (J.), cand. real. ĉe Vojaĝoficejo Bennett, Oslo.

## Novzelando

**Andrew** (S.), jurnalisto, Kilding.

## Polujo

**Blassberg** (M.), doktoro kuracisto, Starowilsna, 18, Krakow.
**Blech** (L.), cand. phil. Przemysl.
D. S. **Bujwid** (O.), doktoro kuracisto, Lubicz, 34, Krakow.
**Dziedzic** (I.), advokato, Szeroka 43, Torun.
**Gelibter** (S.), doktoro kuracisto, Zamoŝc.
**Hillelo Oberländer v. Sternberg**, bibliotekisto, Czortkov.
**Kaŭs** (M.), instruisto, ul. Namiestnikowska. n° 4 m. 5, Warszawa.
**Kiewszcynski** (T.S.), doktoro kuracisto, 30, st. Brzeska, Biala-Podlaska.
**Krenicki** (J.), doktoro kuracisto, Lessno, 66, Varsovio.
**Kuzniar** (C.), ĉefa ŝtata geologisto, Rakowiecka 4, Warszawa.
**Lisovski** (A.), naturscienĉisto, Kielce.
**Litaŭer** (J.), prokuroro, Marszalkowska, 81, Varsovio.
S. **Loth** (E.), inĝeniero hemiisto, Zamkova, 26, u. Pabjanice.
**Medrkiewicz** (J.), doktoro, poŝtkesto 74, Lublin.
**Nowakowski** (S.), profesoro, Wjagdowa, 3, Poznan.
**Plonskier** (M.), inĝeniero, str. Szeroka, 4, Plock.
**Rawicki** (F.), parohestro en Budzistaw Koscielwy, poŝto Klerzew per Konin.
**Robin** (W.), doktoro kuracisto, Marszalkowska, 113, Varsovio.
**Trochimowski** (M.), Krochmalna 36 M. I., Warszawa.
**Zamenhof** (Adam), doktoro, Krolewska 41, Warszawa.
**Zamenhof** (Leono), doktoro, Marŝzalkowska 125, Warszawa.
**Zamenhof** (Sofio), doktoro, Krolewska 41, Warszawa.
**Zausmer** (S.), Sykstuska 42, u. p. Wiesenberga, Lwow.
**Ziomek** (M. J.), juristo ekonomisto, Wincentegopola 5, Krakow.
**Weinsberg** (S-ino R.), prokuristino, Str. Anny, 9, Krakow.
**Zurkowski** (J.), doktoro kuracisto, Wesola, 27, Kielce.

## Rumanujo

**Fischer** (H.), industriisto, 19, Alea Suter, Bucureŝti.

## Rusujo

**Poniŝevski** (P.), Pr. 25 Oktobro, 112-50, Leningrad.
**Saĥaroff**, poŝtkesto 138, Moskvo.

## Saarteritorio

**Meyer** (E.), doktoro kuracisto, 9, Duelweilerstrasse, Saarbrücken.

## Svedujo

**Akerberg** (N. P.), prof. de botaniko, 10, Hagagatan, Stockholm.
**Akerman** (N. C.), matematikisto, Beskowska Skolan, Stockholm.
**Beckman** (B.), fil. magistro, 30, Eric Dahlbergsgatan, Göteborg.
**Ekelin** (B. M.), prof. de matematikoj, Engelbrektsg., 9-11, Stockholm.
**Fahlstadt** (C. A.), prof. lingvisto, 10, Hötorget, Stockholm.
**Folke** (Pastro), teolog. kandidato, Kammakareg, 12, Stockholm.
**Gyllander** (G.), prof. de historio, 100, Djurgärdsslatten, Stockholm.
**Hakansson** (E.), inĝeniero, Ulriksdal.
**Jacobsson** (V.), prof. de liceo, Bredablick, 2, Lidingö.
D. S. **Jansson** (S.), rektoro, Skagen 23, Lidingö I.
**Linden** (Fr.), astronomo, Veksalagatan 20, Uppsala.
**Nordlung** (N. A.), prof. de liceo, Vasagatan, 1, Kristianstad.
**Ohlsson** (C.), instruisto, Grevture Gatan, 22b, Stockholm.

**Petterson**, matematikisto, Varnamo.
**Stalfelt** (M. G.), prof. de biologio, 34, Dalagatan, Stockholm.
**Strömberg** (R.), prof. de liceo, fiziko, 34, Dalagatan, Stockholm.
**Westerlin** (J.), prof. de liceo, filozofio, Falugatan 5-III, Stockholm.

### Svisujo

**Barraud**, inĝeniero, Chemin des Pâquerettes, Lausanne.
**Jaccard** (M.), ĥemiisto, 15, rue de la Banque, Le Locle.
**Plattner** (A.), doktoro kuracisto, Landquart-Fabriken, Bern.
**Privat** (E.), doktoro, 2, chemin de Roches, Genève.
**Tarelli** (C. C.), 35, route du Chêne, Genève.

### Urugvajo

**Legrand** (E.), profesoro, 140, Larranago, Montevideo.

### Usono

**Bauman** (J. E.), kolegia instruisto, Fremont (Nebr.).
D. **Clegg** (R. I.), inĝeniero, 225, North Michigan avenue, Chicago.
**Cottrell** (F. G.), inĝ. ĥemiisto, 3904, Ingomar str., Washington N. W.
**Frost** (N. W.), linotipisto, 12, Ash Place street, Cambridge (Ma.)
**Hamann** (F. A.), 481-63 nd Street, Wanwatos, Wisc.
**Hyman-Levine**, inĝ. (meĥaniko), 1655, Lincoln street, Denver (Col.)
**Lambert** (L. C.), College of Business Adm[on] of Boston University, 99. Newbury str., Boston (Ma.).
**Lehman-Wendell**, doktoro dentisto, 615, Lasalle Building, Minneapolis.
S. **Patterson** (A. M), ĥemiisto, 221, New-King, Xenia (Ohio).
**Rosher** (E. M.) inĝeniero (fervojoj), 125, Beulah str., San Francisco.
**Saba** (G.), arkitektisto, P. O. Box 157, Universitato de Illinois, Urbana (Ill.).
S. **Seidell** (A.) ĥemiisto, 2301, Connecticut avenue, Washington.
**Zahn** (Ch.), 1245. N. 56 Street, Philadelphia.

## NACIAJ DELEGITOJ

**Aŭstrujo.** — D-ro Ad. Halbedl, 24, Schulgasse, Graz.

**Belgujo.** — C. Vandevelde, Zwart Heirestraat, 230, Gentbrugge.

**Britujo.** — J. O. Lechmere-Oertel, 258 Kingston Rd, Teddington, Middlesex.

Mc Cormick, 5, Mount Eden Rd. Donnybrook, Dublin.

**Ĉeĥoslovakujo.** — D-ro St. Kamaryt, Telocvičná, 3, Bratislava.

**Danujo.** — A. Taumose, Mollegade, 25-*a*, Kopenhavn.

**Finnlando.** — Uuno Pesonen, Tunturilaaksonk, 13, Helsinki.

**Francujo.** — Rollet de l'Isle, 35, rue Du Sommerard, Paris.

**Germanujo.** — Behrendt, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.

**Ĥinujo.** — D-ro Won Kenn, 15, Hong Kong Chik str., Canton.

**Hispanujo.** — J. Mangada Rosenorn, Gloriete de Bilbao, 5, Madrid.

**Hungarujo.** — P. Balkányi, Hajós utca, 15, II, Budapest VI.
**Italujo.** — D-ro A. Stromboli, Lungarno Regio, 17, Pisa.
**Jugoslavujo.** — Sudslava Esperanto-Servo, Zagreb.
**Litovio.** — P. Yankowski, profesoro de Universitato, Kaŭnas.
**Maroko.** — C. V. Richard, rue Jules Raulin, Tanger.
**Nederlando.** — D-ro Baart de la Faille, Röellstraat, 8, Arnhem.
**Norvegujo.** — R. Bugge Paulsen, Övre Smestad, V. Aker, Oslo.
**Polujo.** — Mieczyslaw Kaus, ul. Namiestnikowska N° 4 m. 5, Warszawa.
**Rumanujo.** — H. Fischer, Alea Suter, 19, Bucureşti.
**Rusujo.** — P. Poniŝevski, Pr. 25 Oktobro, 112-50, Leningrad.
**Svedujo.** — S. Jansson, Skagen, 23, Lidingo I.
**Svisujo.** — M. Jaccard, rue Voltaire, 9, Lausanne.
**Urugvajo.** — E. Legrand, Larranago, 140, Montevideo.

## KOMITATO

**Prezidanto.** — Profesoro O. Bujwid (Varsovio).
**Vic-Prezidanto.** — Kolonelo V. Inglada (Madrid).
**Ĝenerala Sekretario.** — Inĝ-ro Rollet de l'Isle (Parizo).
**Sekretario-Kasisto.** — S-ro Rousseau (Enghien, Franc.).
**Membroj.** — Prof. Cotton (Parizo) ;
Prof. Dietterle (Leipzig) ;
Inĝ-ro Isbrücker (Hago) ;
D-ro Oishi (Tokio) ;
D-ro Stromboli (Pisa).

---

**KOTIZO. — Ni insiste petas niajn membrojn pagi la jaran kotizon por 1928 kiel eble plej baldaŭ, atentigante ilin pri la nova adreso de nia Kasisto, kiu nun estas :**

**S-ro Rousseau, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains, Seine-et-Oise, France.**

**Por la francoj : Poŝta ĉekkonto N° 698-55, Paris.**

## PROGRESOJ KAJ SCIIGOJ

Dum parolado en **Tallin (Estonio), okaze de la « Tago de rusa Kulturo »**, la konata rusa pedagogo-fizikisto *G. Heinrichs* akcentis la fatalecon de la nekonateco pri la ruslingva scienca literaturo en Okcidenta Eŭropo, sekve de kio diversaj gravaj eltrovaĵoj de rusaj scienculoj restis tute senutilaj por la tutmonda scienca vivo. Tio ĉi rilatas ankaŭ multajn aliajn lingvojn kaj iliajn popolojn. — Sola rimedo kontraŭ tiu malbono estas vere praktika kaj neŭtrala lingvo internacia, Esperanto *(Laŭ Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio)*.

**La Ĉefadministraro de Sciencaj Institucioj, ĉe la Popola Komisario por Klerigo de l' Rusa Socialista Sovet-Respubliko** proponis al Instituto de Kompara Historio de Orientaj kaj Okcidentaj lingvoj kaj literaturoj (ĉe la Regna Universitato en Leningrad), esplori kaj solvi problemon de helplingvo internacia.

Laŭ peto de la ĉefscienco nia delegito S-ro *Paul Poniŝevski* raportas al la nomita instituto pri Esperanto.

La **Kooperativa Societo de Konsumantoj en Polujo** publikigis broŝuron de propagando pri tiu movado, redaktita de S-ro *Fr. Dabrowski,* kiu estas disdonita kune kun resumo en Esperanto.

La aŭgusta numero de la **grava greka teknika Revuo Erga** 'entenas longan artikolon pri Esperanto.

## REKLAMA FAKO

En la numero de Oktobro-Novembro de « Esperanto » aperis artikolo de S-ro *Rollet de l'Isle* titolita **Pri Reklamo por Esperanto,** en kiu li montras la diversajn metodojn per kiuj la esperantistoj povas, preskaŭ sen gravaj elspezoj, fari efikan reklamon por nia afero.

Du francaj teknikaj revuoj : « *Revue de métrologie pratique* » kaj « *l'Horloger* », publikigas bonvole anoncon pri Esperanto franclingve redaktitan : « *Komercistoj ! tek-*

*nikistoj! uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj! Sciigoj : 35, rue du Sommerard, Paris.* » Tio pruvas ke oni sukcesas facile atingi tiun rezultaton kaj ni insiste invitas niajn membrojn provi saman agadon — anstataŭante la adreson per sia propra adreso aŭ tiu de esperantista grupo, se ĝi konsentas.

Ni ĝis nun ricevis malmultenombrajn mendojn de **reklamaj glumarkoj** anoncitaj per la cirkulero publikigita en nia antaŭa numero. Ni denove altiras atenton de niaj membroj al tiu tre efika — ni jam ricevis atestojn pri tio — kaj malmultekosta rimedo de reklamo.



Dank'al favoremo por Esperanto de Prezidanto de **Pola Aeroplana Linio « Aerolot »**, D-ro *Wygard*, la estraro de Pola-Esperanto-Asocio, grupo Warszawa, sukcesis starigi tri kursojn por aviadistoj, muntistoj kaj oficistoj de la nomita entrepreno. Entute partoprenas la kursojn 50 personoj. *(Laŭ Pola Esperanta Presa Agentejo. Okt. 27.)*

Dum la **Internacia Kongreso de Stenografio,** kiu okazis en Bruselo de la 4-a ĝis la 8-a de Aŭgusto 1927, post interparolado en Esperanto, kaj resumita traduko en franca lingvo, la kongreso akceptis unuanime la jenan deziresprimon :

« Por helpi la normalan disvastiĝon de Esperanto, estas « dezirinde ke ĉiuj esperantistaj organizoj instigu siajn mem- « brojn al lernado de esperanta stenografio, kaj klopodu por « starigi en sia medio kernon de Esperanto-stenografistoj. »

La **Informa Bulteno, organo de la Societo por Kulturaj interrilatoj inter U. R. S. S. kaj aliaj landoj,** publikigas resumon en Esperanto.

**La Verda Stelo, antverpena grupo de la Belga Ligo Esperantista** deziras utiligi la venontan universalan kongreson por kiel eble plej pliintensigi dum la vintro sian propagandon, ĉefe en intelektaj rondoj, kaj decidis agi unue inter la juristoj.

Por pruvi taŭgecon de Esperanto en tiu fako, tiu grupo klopodas por kolekti sciigojn pri la leĝoj pri la kambio kaj dissendas demandaron al la esperantistaj kompetentuloj kun peton respondi kiel eble plej baldaŭ.

Ni ricevis de S-ro *Herbert Muravki,* stud.-phil., sekretario de « Esperantista Rondo Akademia de Universitato, *Berlin* », la sekvantan leteron, kiun ni publikigas pro la graveco de ĝia temo.

« ... komisiite de nia organizaĵo mi turnas sin al vi kun jena propono.

Estas bone konata ke Esperanto ankoraŭ fakte ne sufiĉe enpenetris sciencajn mediojn, ke la plimulto pri Esp-o nenion aŭdis, ke ĝi preskaŭ tute ne estas aplikata de la sciencistoj. La I. S. A. E., necesas diri la veron, estis ĝis nun sufiĉe pasiva kaj malriĉa organizo ne sukcesinta almiliti al Esp-o en la scienco tiun gravecon, kiun ĝi devus havi rilate al la stato de ĝenerala Esperanto-movado.

La kaŭzoj estas videblaj : la plimulto de scienculoj-esp-istoj laboras dise, private kaj ne eliras al la vasta scienca publiko. La sola ebla vojo al sukceso fakta estas la tuja *praktika servigo* de Esp-o al la scienco, la *per*-esperanta agado. Per nura propagando ni ĉe seriozuloj nenion atingos. Gravan laboron nun plenumas jam parte I. S. A. E. kaj privatuloj per kreo de sciencaj vortaroj, sed tio dum nuna tempo estas ankoraŭ pli prepara laboro pro malgranda eluzo de Esperanto en la scienco.

Antaŭ ni staras la tasko de nuna serioza serva agado. La plej aktivaj esp-o organizaĵoj montris la vojon. Ni devas organizi **Internacian Sciencan Inform-Servon (I. S. I. S)** *per Esperanto, kiu, en ĉiuj landoj senkonkure liveru al sciencaj gazetoj kaj revuoj, kaj sciencistoj aktualan rektan fontan sciencan kronikon el la tuta mondo.*

Ĝis nun tia centra kolektilo de sciencaj novaĵoj ne ekzistis pro foresto de internacia lingvo kaj esperantista aparato tutmonda. Ĉiu sciencano scias kiaj lingvaj malfacilaĵoj ekzistas ĉe legado de diverslingvaj sciencaj ĵurnaloj ; krom tio multaj landoj en ili tute ne estas konsiderataj aŭ la tradukoj aperas tro malfrue, k. t. p. ; krom tio ofte mankas originalaj raportoj.

*Valoro de I. S. I. S.*

1. Ĝis nun ne ekzistis ia centra organo kolektanta samtempe informojn pri novaj sciencaj akiroj kaj esploroj el tuta mondo, disponebla al ĉiuj sciencaj laborantoj. I. S. I. S. estos la bazo por tiu organo.

2. I. S. I. S. liveros freŝan materialon el la koncernaj landoj rekte, kaj forigos certagrade la necesecon nepre teni ĵurnalojn sciencajn en dek diversaj lingvoj.

3. Ĉar I. S. I. S. uzos Esp-on, ĝi estos plej bona propagandilo en sciencaj rondoj, sed ebligos, per starigo de nacilingvaj filioj, vastan eluzon por sciencaj laborantoj neesperantistoj, provizante ilin per aktuala scienca kroniko.

*Organizo de I. S. I. S.*

*Reto de korespondantoj.* — En ĉiuj landoj necesas akiri konstantajn korespondantojn laŭ la ĉefaj sciencaj fakoj; ekz.: po unu por Matematiko-Astronomio, Fiziko-Tekniko, Kemio-Mineralogio, Medicino-Biologio, Geologio-Geografio, Ekonomio-Etnografio, Lingvistiko.

La korespondantoj liveru ĉiumonate, ĝis fiksita dato, esperantlingve al la centra I. S. I. S. sciencan kronikon pri sia fako el sia lando t. e. propre akiritajn informojn, resumojn de aktualaj artikoloj aperintaj en la koncerna nacia lingvo, materialoj el ĵus aperintaj sciencaj ĵurnaloj, revuoj, specialaj eldonoj, k. t. p.

*Centra I. S. I. S.* — En iu urbo, ekz. Parizo aŭ *Berlin*, estas kolektataj kaj dissendataj post redakto kaj multobligo la informservo materialo ricevita de la korespondantoj landaj. La centro dissendas po ekzemplero al la landaj I.S.I.S.-filioj kaj al ĉiuj esperantaj gazetoj.

*Landaj filioj.* — Ĉiu lando havos sian centron, kies tasko estas kontroli la regulajn laborojn de la korespondantoj, kaj ĉefe eldoni plej rapide la ricevitan centran materialon en la koncerna nacia lingvo; poste ĝi dissendas po ekzemplero al ĉiuj sciencaj gazetoj, ĵurnaloj, popularaj revuoj kaj grandaj tag-ĵurnaloj la materialon.

*Financa problemo.* — Centran I. S. I. S. devos pripagi I. S. A. E. La apero de la nuna mizera bulteno ne plu estas dezirinda kaj necesa por ŝpari monon. Por la landaj servoj devos pagi la organizo transpreninta la taskon. Kiel korespondantojn kaj laborantojn de la servo oni devos eluzi la multajn esp-o-sciencajn asociojn kaj akademiajn societojn.

Se ni havos bone funkciantan servon, ni povos denove eldonigi la internacian sciencan revuon.

Praktike nun necesos tuje interrilatiĝi kun la diversaj landoj por organizi filiojn kaj la korespondan retaron. Pri Anglaj, Rusaj, Japanaj, Ĥinaj, Germanaj adresoj ni disponas; pri aliaj verŝajne vi disponas... »

*Ni petas la membrojn de nia Asocio studi zorge tiun proponon kaj sciigi al ni sian opinion pri tiu organizaĵo kaj pri la rimedoj uzotaj por realigi ĝin, se ili opinias ke ĝi estas realigebla.*

*Ni estos ankaŭ dankaj al la esperantistaj gazetoj, kiuj represos tiun proponon kaj petos siajn legantojn sendi al ni samajn sciigojn.*

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

Aperis **Radio-amatora vortaro** kvinlingva (esperanta, ĉeĥa, germana, franca, angla). Kompilis *Otto Grinz, Praha*, kun membroj de la « Internacia Radio Asocio ». Eldonejo : « Radiokonstrukce » Praha 1., Nérodni tr. ĉ. 23. Prezo 15 k.

La ĉeĥa radio-gazeto « Radiojournal » regule enpresas tradukojn de la serio de populare-sciencaj « Babiladoj » per kiuj **inĝ. E. Aisberg** klarigas en « Int. Radio-Revuo » la teorion de Radio. Nun la eldonejo de « Radio-journal » kunigos ĉiujn « Babiladojn » en formo de aparta libro.

La konata franca eldonejo de teknikaj verkoj *Etienne Chiron* aperigos baldaŭ la francan tradukon de la « Babiladoj » kun antaŭparolo de prof. *René Mesny*, kies nomo estas mondkonata en sciencaj rondoj.

Krome la « Babiladoj » aperas en la brazila revuo *Lectura por todos* en *Rio-de-Janeiro* kaj en la oficiala organo de la bulgara ministerio de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono.

Unuafoje en la historio de nia lingvo originala scienca verko estas tradukata el ĝi kvarlingve.

(Laŭ *Heroldo*.)

**La Raporto al la Akademio pri la laborado de la Sekcio por teknikaj vortaroj en la jaro 1926-1927** estis redaktata kiam ni ricevis la sekvantajn sciigojn :

S-ro **Fröding,** fakestro de meblofabrikado sciigis ke la

vortaro de tiu fako restas en la sama stato, kiel la pasintan jaron.

S-ro **Delanoue**, kiu akceptis fakestrecon por *banko*, sciigas ke, dum la lasta vintro, li vigle kunlaboradis je la komerca vortaro, kaj komencis prepari vortaron por banka kaj borsa fakoj, kun esperantlingva klarigo de ĉiu vorto.

S-ro **Rosher**, fakestro de *Fervoja* fako sendis al ni la finredaktaĵon de la 8-a sekcio de vol. 5-a *Schlomann* seslingva teknika vortaro.

S-ro **Baart de la Faille**, fakestro de *Botaniko*, sciigas ke li sukcesis trovi kunlaborantojn por la tradukoj en franca kaj angla lingvoj; ĉar li mem tradukos germanlingven, oni baldaŭ posedos elementojn taŭgajn por elektado de la ĉefaj terminoj.

**Plurlingva alfabeta tabelo de filateliaj fakesprimoj** estas publikigita de la konata filatelia firmo *Senf* en *Leipzig*; ĝi enhavas rubrikon en Esperanto.

**Konsilaro por la farado de la Sciencaj kaj Teknikaj vortoj**, *starigita de la scienca kaj teknika komisio de la Internacia Asocio Esperantista (direktoro S-ro Rollet de l'Isle), en 1911*, estas de nun aĉetebla ĉe la *Librairie Centrale Espérantiste, 51, rue de Clichy, Paris* (80 paĝoj; formato 18/26; prezo 10 Francaj Frankoj).

Tiu konsilaro entenas antaŭparolon kaj du partojn. En la unua parto estas ĝeneralaj konsideroj; en la dua: konsisto de la problemo, kunigo de la elementoj de la problemo, serĉado de la solvo per kunmetata vorto, serĉado de la solvo per simpla vorto, elekto de la solvo de la problemo.

Ĉar estas nur 150 ekzempleroj, ni konsilas la interesulojn ne prokrasti ilian mendon.

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant: ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA
## (I. S. A. E.)

# STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintáj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto n° 698-55 Paris.

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto (Verax) . 4.—
Enciklopedia Vortareto Esperanta (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . . 12.—
Provo de Marista Terminaro (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . . 2.50
Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio (Rousseau) . . . . . . . 12.—
Konsilaro por la farado de la Sciencaj kaj Teknikaj Vortoj (Komisiono de I. S. A. E., direktoro Rollet de l'Isle), 1911 . . . . . . 10.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa (Wüster). . . . . . . . . . . —.—
Enciklopedia Vortaro *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

Internacia Radio Leksikono seslingva (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

Raporta Stenografio, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

## TEKNIKAJ REVUOJ

Internacia Medicina Revuo, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

Internacia Radio-Revuo, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.